# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*http://itranslate4.eu/*

**PLENUMITA 25/2/2016 Ducentkvindekoka eldono 25/02/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj" korektitaj atingeblas je la suba adreso**

Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol **305,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## Esperanto Pocket Textbook




**Propagandila kaj Fontindika Libreto.**

*http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo* enhavas la ligojn al

la sin kunmetota papera libreto (*per la uzo de via komputila presilo*)

kaj la 32 paĝoj de la ekrana libreto *(por legado sur ekrano)*

kaj la PDF-dosiero de la libreto por profesia presilego.

*Ĉu vi faris vian kopion? Ĉu viaj studentoj faris siajn kopiojn?*

*(Vidu paĝon 6)*

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj



### aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon

**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu

# 111. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

# La plurfaceta verbo "esti". A.



La verbo "esti" havas tri ne tute samajn funkciojn, kaj tial tri nuancojn da signifo. La samo okazas en eŭropaj lingvoj.

La unua nuanco korespondas al la signifo "ekzisti" en si mem, kaj "ekzisti aŭ "troviĝi" en iu loko aŭ en iu situacio. En tiu signifo ĝi ne estas kopulo, sed memstara verbo kaj ago. En ĉi tiu kazo la verbo "esti" estas kaj devas esti netransitiva, same kiel ĝiaj similaj verboj "montriĝi" kaj "ekzisti" estas. Jen ekzemploj: Mi pensas, do mi estas."; "Ĉu Dio estas?"; "Ĉu Dio estas ĉie?"; "Kie li estis hieraŭ?"; "Mi estis en la urbcentro"; "Ĉu jam estas tempo por manĝi?"; "Mi estas en dubo"; "Estas varme"; "Estis al li, kvazaŭ la sonĝo estis realo"; "Kiel estas al ci?".

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

# Saluton el Brazilo



Karaj geamikoj de Aŭstralio!

El Braziljo, Brazilo, salutas vin Emerson Werneck!
Jam delonge mi ne skribas... Pardonu!
Post mia reveno al Brazilo, mi translokigis miajn librojn en mian hejmon, kaj jen, mi forgesis pri kelkaj el ili...
Nuntempe, post mia eks-edziĝo, mi denove traserĉis miajn librojn, kaj retrovis la bonegan libron de Trevor Steele, Memori kaj forgesi!
Mi tralegis ĝin en nur kelkaj tagoj, kaj nun mi skribas kaj por gratuli Trevor kaj por demandi pri indikoj de novaj titoloj fare de liaj verkoj.

Mi ankaŭ invitas vin viziti la komputilan E-kurson de Duolingo, ĉar mi ekde januaro laboras por ĝi volontule.

Mi kore dankas refoje pro via varma gastigado kiam mi vizitis AEA, kaj invitas vin viziti Brazilon dum la Olimpikaj Ludoj!

Amike,
Emerson Werneck (Happax)



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;
Unu taso da senpaga kafo.
La 20a de Februaro venis ses
Esperantistoj kaj unu vizitanto
Bona amika grupo.

★★★★

**Chris Holliss raportis jene**
Bedaŭrinde la aŭstralia restado de



*Roger, John, Rainer, Chris, Ian, Eunice*

Rainer finiĝas kaj li forflugos al Germanujo. Ni antaŭĝuos legi pri liaj aventuroj en Aŭstralio kaj lia reveno la venontan someron.

Vizitantino el Svislando kaj Eunice kune kantis germanan kanton, kaj kvankam Rainer tradukis niajn konversaciojn al Barbara, antaŭnelonge, ŝi ofte komprenis nin sen tia helpo.

Roĝero lasas kopiojn de "Esperanto Pocket Textbook" tuj apud la populara fiŝejo por la ekpreno de preterpasantoj, do li estas tre okupata represi tiun etan libreton.

Do, ege babilema grupo renkontiĝis lastan Sabaton. Ĝis reo! Chris.



# La zik-viruso http://goo.gl/OOyi0k

Dankon pro sendo de novaĵletero "Aŭstraliaj Esperantistoj 257". Mi ankaŭ elkore dankas vin pro la diskonigo de nia informaĵo pri la zik-viruso. Nia celo estas eksciigi homojn pri tiu grava, sana temo, kiu bedaŭrinde afliktas multajn naciojn.
Akceptu miajn sincerajn bondezirojn!
Ĉion plej bonan! Felipe Duarte
Esperanto-fako de Legio de Bona Volo San-Paŭlo, Brazilo.



# La Esperantomuzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko

Mi ŝatus informi vin, ke la Kolekto por Planlingvoj kaj la Esperantomuzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko nuntempe skanas grandan parton de la publicaĵoj pri la unuaj 31 Universalaj Kongresoj de Esperanto. La publicaĵoj pri la unuaj 15 Universalaj Kongresoj jam estas legeblaj en la interreto, dum la venontaj semajnoj ni iom post iom enretigos pluajn skanaĵojn.



Universalaj Kongresoj 1905-1939

http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/23525.htm

Skanitaj libroj

http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/fruehdrucke.htm

Skanitaj periodaĵoj

http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/19056.htm

Korajn salutojn, Bernhard Tuider

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Kontaktu, Subtenu Vian Klubon

★★★La Manlia Esperanto-Klubo. Roger Springer 02 9976 0632

★★★La Brisbana Esperanto-Societo. Kay Anderson 07 3372 7006

★★★Esperanto-Grupo de Centra Marbordo. Jo Turvey 02 4362 8287

★★★La Tasmania Esperanto- Societo. Kam Lee 03 6225 1474

| | |
|---|---|
| ★★★La Melburna Esperanto-Klubo. | Heather Heldzingen 03 9525 4295 |
| ★★★Esperanto-Kafo-Klubo de Kanbero. | Huigh Malcolm 02 6288 4334 |
| ★★★Esperanto-Domo, Sidnejo. | Roger Springer 02 9976 0632 |
| ★★★Esperanto en Sudaŭstralio. | Bob Felby 08 8242 1460 |
| ★★★Adelajda Esperejo, | Max Wearing 08 8359 3375 |
| ★★★Esperanto League of W.A. Inc. | Vera Payne 08 9387 1520 |

Se la kluba informo estas neĝusta, informu min. Roger. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Brizbana Esperanto-Societo konvenos en 2016:

Mar12, Apr 9, Maj 21, Jun 18, Jul 16, Aug 13, Sep 10, Okt 8, Nov 19, Dec 17



Ni kunvenas je la 1300 horo en la "Brisbane Square Library". (Ĉambro 1-9)

Poste ni renkontiĝas en "Kafo Klubo" sub la biblioteko je la 1445 horo.

Kun koraj salutoj, Petro Danzer (BES Sekretario)

★★★★

## Esperantaj Libroj por BESa biblioteko



Foto montras min (kun libro) kaj Chris Towsey
kaj la multajn librojn de la ALAN TOWSEY biblioteko.
Lia filo, Chris, portis ilin al mia hejmo hodiaŭ.

Membroj de Brizbana Esperanto Societo estos tre kontentaj kun la mirinda donaco.

Kun koraj dankoj, Petro Danzer

## Esperanto-prelego je internacia tago de la denaskaj lingvoj



Sabaton la 19an de Februaro en la urbodomo de Ashfield (Ashfield Town Hall) okazis malferman ceremonion kaj seminarion de Internacia Gepatra Lingva Tago.

Dum la seminario Rainer Kurz prelegis pri Esperanto kaj eĉ faris mallongan E-lecionon. Je la prelego ĉeestis ĉirkaŭ 100 partoprenantoj, inter ili profesoroj de lingvistiko kaj la ambasadejestro de Bangladeŝo.



La folioj de la prelego estas haveblaj de Rainer (PowerPoint, 20 paĝoj). Sendis Dmitry Lushnikov





# 21-27 Februaro Semajno de Internacia Amikeco 2016

Kun varma ĉirkaŭbrako okaze de tiu ĉi vere speciala, agrabla semajno festata en Esperantujo, la teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo (LBV) fratiĝas per salutmesaĝo kun ĉiuj Verduloj de la mondo! Tiu mesaĝo estas atingebla per klako sur ties titolo malsupre skribita:

**"Amikeco, jen mia religio"**

Plej bondezire, fratinece,
Maria Aparecida da Silva,
San-Paŭlo, Brazilo.



## La Melburna Esperanto-Klubo kunvenas

ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm



ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

"La Melburna klubo pasintan lundon bonvenigis tre malnovan membron de la klubo kiu unue lernis Esperanton kiam li havis 10 jarojn!

Li, (Kim) ankaŭ estis membro de la Junulara Grupo en Melburno dum la sesdekaj jaroj. Same kiel tiam, li bonege regas la lingvon kaj ni antaŭĝuas lian ĉeeston en la estonteco.

La aliaj partoprenantoj estis Marcel, Ken, Karlo, Jennifer, Tristan, James, Ben, Heather, Joanne kaj Peter.

Pri la Jarkunveno.



Malgranda ŝanĝo al niaj aranĝoj. Ni nun vespermanĝos je 6.30 ptm kaj kunvenos je la 7a ptm.

Amike Heather Heldzingen"



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?



Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)



# El Adelajdo



Ĉe la ge-Steeloj okazas regulaj semajnfinaj E-lecionoj por "novuloj". La lastan sabaton vizitis la grupon Sandor kaj disdonis al la interesatoj Esperantajn T-ĉemizojn kaj saketojn.



*kontentulo (Trevor)*



*Michael* *Birgitta*



*Sean*



*Lauren*

Kun salutoj, Katja Steele

# El Perto

## La sin kunmeta papera libreto




Trovinte liberan duonhoron mi ĵus sukcesis havigi al mi mian propran kopion de la Ŝlosilo.

Pro tio, ke mi ne scipovas presi dors'-al-dorse, la 'etulo' estas duoble pli dika ol normale. Alie, brila rezulto.

Kompreneble ĝi ne aspektas tiom profesia kiom tiuj kiujn vi sendis al mi antaŭ kelkaj monatoj por disdoni. Ĝuste vinkti la paĝojn fariĝis unu problemeto kaj dua estis, ke la 'tranĉu kaj faldu' instrukcioj ankoraŭ vidiĝas.

Tamen, la ĉefa afero restas, ke mi nun posedas la ŝablonon. Mi tuj plusendos vian alfiksadon al Trish O'Connor, por ke ankaŭ ELOA (ESPERANTO-LIGO DE OKCIDENTA AŬSTRALIO) povu multobligi la etan helpilon laŭ dezire.



Ankoraŭfoje, dankon.



Vera Payne